# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 14/07/2016 Ducentsepdekoka eldono 14/07/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **456,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



## El Adelajdo



La unuan Merkredon de la monato okazis kluba kunveno de sudaŭstralianoj. La ĉefparolanto estis Indrani Beharry-Lall kaj la temo ŝia postkongresa turisma vojaĝo en Indonezio.
Kun saluto, Katja Steele

## KIELVIZITANTO AL SIDNEJO

Terry Manley Armidale



Estas jam antaŭ dek ses jaroj kiam mi loĝis en Sidnejo kaj ofte iris al Esperanto-domo. Sed ankoraŭ loĝas gefamilianoj de mi en Sidnejo. Do mi alvenis per trajno je la 1a de Julio por festi kun familio la naskiĝtagon de mia fratino. Bonŝance la vizito ĉifoje okazis samsemajne je kunvenoj Esperantistaj. Je la 2a de Julio okazis la Manlia Esperanto Kafeja renkontiĝo kaj je la 3a okazis kunvenoj de la NSK-a Federacio en Esperanto-domo.

En la mateno de Sabato la 2an mi trafis buson kaj pramŝipon al Manlia varfo. Kie estas la Bavaria Kafejo. Sufiĉe agrabla veturo je sennuba, suna tago malgraŭ la iom malvarma vento. Atendis min Roger kiu sidis kaj studis liston de lokaj kanditatoj por la Federala voĉdonado okazanta tiun tagon. Voĉdono estas afero farenda en Aŭstralio. Sed li amike flankenmetis la folion kaj ni babilis kaj trinkis kafon kaj ĉokoladon. Post nelonge alvenis John kaj Eunice kaj ni fariĝis babilanta kvaropo ĉirkaŭ la tablo. Estis bone rerenkonti anojn el mia Esperanta familio en Sidnejo. Eunice parkere deklamis poemon de William Auld, kiun ŝi tre ŝatis.

Post la kaftrinko kaj kunveno Roger gvidis min al sia domo. Mia unua vizito al tiuj ĉarmaj domo kaj ĝardeno. Certe la elstara parto por mi estas la antaŭa korto kun muro klare videbla de la strato, sur kiu estas ESPERANTO en grandaj literoj. La korto vere ne estas korto sed lageto kun insuletoj, akvofaloj, statuetoj kaj ĉirkaŭnaĝantaj grandaj fiŝoj. Mirinde! Oni transiras ponton por atingi la domon. Roger montris al mi kranojn, pumpilojn, filtrilojn, tubojn kaj akvujojn. Iuj staris apud la domo kaj iuj sub plankeroj de la ponto. Tiuj aerigas, filtras kaj ĉirkaŭfluigas la akvon por la lageto. Iom komplika afero sed necesa por provizi la fiŝojn je saniga akvo.




Mi tranoktis en la gastĉambro de E-domo tiun nokton kaj tiel mi estis surloke por la kunveno je Dimanĉo. Roger venis kun Mei unue kaj portis manĝaĵon por la grupo. Poste alvenis Jonathon, Nicole, John kaj Richard. Bedaŭrinde Ian kaj Dmitri ne povis alveni pro malsanoj. La aferkunveno daŭris ĝis tagmezo kiam alvenis Tulleah kaj Benjamin, junuloj de loka artista grupo. Ili faris proponon al la Federacio kaj tio estis entuziasme akceptita. La artista organizo elektis kvar lokajn grupojn (inter tiuj E-domo) kaj deziras kunlabori aŭ pli ĝuste prilabori artaferon rilate al ĉiu grupo. En semajnfino en Oktobro ili prezentos tiujn artaĵojn (vere ne necese estos 'artaĵo' ĉar la formo povus esti filmo, prelego ks) al al publiko. La Sidneja loka registaro subtenas la projekton reklame kaj finance. Benjamin estas juna artisto kiu prilaboras la arton por E-domo. Li entuziasmas pri la projekto kaj nun studas Esperanton per Duolingo.

Ankaŭ vagas inter nia grupo radioĵurnalistino, Hannah, de Radio FBI. Dum la tagmanĝa horo ŝi intervjuis klubmembrojn pri ties spertoj en Esperantujo. Postmanĝe Jonathan Cooper prezentis viglan kaj informigan parolon pri Esperanto al kiu niaj vizitantoj atente aŭskultis. Estis feliĉe vidi inter la ptm-a grupo Steve kiu eklernis antaŭ du jaroj kaj nun parolas flue, kaj Adam juna studanto kiu komencis lerni antaŭ du monatoj per Duolingo.

Dum la kunveno Margaret telefonis por pardonpeti pro foresto. Post la kunvenoj mi retelefonis al ŝi kaj aranĝis viziti ŝin en Lindfield. Tien estas mallonga trajnvojaĝo. Margaret loĝas proksime al la stacidomo sed la vojiro al ŝia domo estas iom malfacila. Superiro de kruta stacidomŝtuparo unue, trans aŭtoplenan ŝoseegon kaj poste trans malebenan defluejon apud la trotuaro al ŝia apartamento. Margaret loĝas en komforta apartamento kaj havas ĉiun servon pri manĝoj kaj purigado ktp. Mi gratulas ŝin pro ŝia atingo al naŭdekjaraĝulo. Ni manĝis, babilis kaj spektis la novaĵon televide antaŭ ol mi reiris al la klubo por dormi.

Matene mi iom balajis kaj netigis la gastĉambron. Dankon al la Federcio pro la dispono de tio. Post matenmanĝo mi trafis pramŝipon al Woolwich por marŝi la unuajn paŝojn de la "Granda Norda Marŝado". Tio daŭras ĝis Novkastelo. Miaj paŝoj ĉifoje irigos min dum du tagoj al Thornleigh, nur 30 kilometrojn for de la urbocentro.

Terry Manley.

# Roberto Budzul forpasis Sabaton 9-7-2016



Roberto Budzul forpasis Sabaton 9-7-2016 en lia hejmo, kie mi lastatempe renkontis lin pasintan ĵaŭdon dum kunsido. Roberto estis sincera amiko, valorega instruisto kaj faciliganto en la Tasmania Esperanta movado.
(Mercury ĵurnalo, 11-7-2016). Informis Kam Lee

★★★★

Kara Roger,
Jen la anonco en Tasmania ĵurnalo.
http://obituaries.themercury.com.au/notice/303862001?random=1468197123901
Kam Lee skribis:
"Roberto Budzul forpasis sabaton 9-7-2016 en sia hejmo, kie mi lastatempe renkontis lin pasintan Ĵaŭdon dum kunsido. Roberto estis sincera amiko, valorega instruisto kaj organizanto en la Tasmania Esperanta movado."
Mi povas aldoni, ke Roberto estis multlingva kaj tre vojaĝema. Jen foto de Roberto (maldekstre) dum la universala Esperanto-kongreso en Lille pasintjare. Li havis blogon en kiu oni povas legi pri poliglotaj konferencoj kaj pri la pasintjara UK en Lille http://www.travelpod.com/travel-blog-entries/budz888/20/1438692281/tpod.html (kun multaj fotoj).





amike, Nicole Else



# 30-paĝaj gramatikoj

Karaj, estas al mi granda ĝojo povi anonci, ke mia la malgranda Esperanto-gramatiko, kiu ekzistas jam en dana, germana kaj angla versioj, nun ankaŭ haveblas en itala.

Pliajn informojn oni trovas ĉe http://esperantocxemizo.saluton.dk/esperanto-gramatiko/Esperanto-gramatiko%20informoj/ .

**Esperanto-gramatiko sur 30 paĝoj** — Laste modifita: 2016-07-01 17:27

**ESPERANTO:** Nun haveblas kajero, kiu montras koncize la Esperanto-gramatikon sur 30 DIN A 5 ( 1 paĝo = 14,5 cm x 21 cm) paĝoj.

Bone, la studinto ne fariĝos Akademiano, sed la kajero liveras tion, kion tre bona progresinto devas scii. Ekzistas dan-, german- kaj anglalingva eldonoj.

La kajero kostas 3,50 € (+ sendokostoj), 10%-a rabato ĉe mendo de minimume 10 ekzempleroj.

Mendu ĉe mi.

Vi povos pagi al mia konto en Hamburgo, al mia Konto en Danlando aŭ al mia UEA-konto. Pri detaloj mi informos post ricevo

Amike, Peter Weide

# Kio estas aglutinado?



En miaj gramatiklecionetoj mi donis la regulojn por krei vortojn per aglutinado. Por tiuj kiuj deziras havi pli scienceman klarigon pri la fenomeno, mi verkis la ĉisubajn klarigojn.

Aglutinado estas la procedo krei por novaj nocioj novajn vortojn uzante jam ekzistantajn oficialajn vortojn. Ankaŭ la neaglutinaj lingvoj kreas por novaj nocioj novajn esprimojn uzante jam ekzistantajn vortojn, sed ili ne kungluas la du aŭ tri vortojn per kiuj krei novan vorton, kaj la vicordo de la vortoj en tiaj vortkombinaĵoj estas kontraŭa al la aglutina. Ili uzas la du aŭ tri aŭ kvar partojn aparte kaj kun vorteto inter ili, ekzemple drap de lit estas la franca esprimo por litotuko, kaj la ĉefelemento de la nova esprimo situas antaŭ la prepozitiva kaj difinanta flankelemento. Sed la signifo de la tri vortoj kune en la franca estas la sama kiel la signifo de la unu aglutina vorto, litotuko. La aglutina procedo estas sinteza, kaj la alia procedo estas analiza. Zamenhof elektis por Esperanto la sintezan procedon, ĉar ĝi estas pli mallonga kaj similas al la same aglutina Esperanto-sistemo de radikoj kun gramatikaj finaĵoj, kiuj lastaj certagrade juĝatas kiel sendependaj radikoj. La Esp.istoj kies lingvo estas neaglutina, ekzemple la itala kaj la franca, devas lerni tiun vortfaradon, kiu ja samas al la vortfarado en aglutinaj lingvoj kiaj la germana kaj la angla.

Kiam oni por nova nocio kreas novan vorton laŭ la aglutina sistemo, oni devas obei kelkajn regulojn. Ĉar la nova vorto kun sia nova signifo estas densiĝo de substantivo aŭ verbo aŭ adjektivo kun suplemento, troviĝas kvin signifoj, do signiferoj, en la nova kombinita signifo. Ili estas unue la ĉefelemento, nome la substantivo aŭ verbo aŭ adjektivo kies ĝeneralan signifon oni ĉi tie limigas. Do en tablotuko la elemento “tuko”. La dua signifero estas la signifo de specialeco, do “speciala”, kiun oni sense sed ne vorte aldonas al la ĉefelemento. Do tablotuko estas speciala speco de tuko, speciale fabrikita por tio aŭ uzata kiel tia. La tria signifero estas la signifo de la difinanta substantivo (aŭ infinitivo), kiu limigas en certa maniero la ĝeneralan signifon de la ĉefelemento. La kvara signifero estas la signifo de la maniero de difinado, kiu maniero estas vortigita per prepozicio (kelkfoje prepoziciaĵo aŭ predikativaĵo): en tablotuko la rilato estas “por”, por la tablo. ne sub la tablo. Kroma regulo estas, ke la partoj de la nova vorto kungluiĝas al unu vorto, kun sia propra kategoria finaĵo. En la nova vorto la ĉefelemento venas laste, antaŭ la finaĵo(j). Do la nova vorto havas signifon kiu estas kombinaĵo de kvin signiferoj, dum normale unuradika vorto havas en Esperanto nur du signiferojn, nome tiun de la radiko kaj tiun de la finaĵo.

Marcel Leereveld.

# Daŭrigo de la ĵus pasinta semajno

Pasis jaroj, jaroj ĉiam pasas, ĉu ne? La tri genaskitoj, aŭ, se vi preferas, "genaskiĝintoj", iom post iom ĉesis esti infanoj. Ili fariĝis tio, kion oni en Esperanto nomas plenkreskuloj. Nun ili ne plu estas nur belaj, ili estis eĉ belegaj, sed bedaŭrinde ne plu junaj.

La gefiloj komencis labori kiam ili estis ankoraŭ tre junaj, sed en tiuj forpasintaj tempoj, oni konsideris ilin plenkreskuloj. Escepte de la knabino, kiu tiam estis virino. Ŝin oni konsideris plenkreskulino. Ŝi komencis, kiel 14-jarulino, sian laboron en telefoncentralo en la ĉefurbo en la lando, en kiu ŝi loĝis. Pasis jaroj, sed tion mi ja jam menciis, sed ne estas mia kulpo ke la jaroj daŭre pasas, kaj ŝi trovis amikon, ili fariĝis geamantoj kaj geedziĝis kaj naskiĝis al ili du genaskitoj, aŭ, ĉu refoje? "genaskiĝintoj", aŭ ĉu simple "infanoj", sed kompreneble unu ina kaj alia vira. Unu el la gefiloj estis knabino, tiu estis la unua naskito, aŭ naskitino, kelkajn jarojn poste naskiĝis la dua naskito, li estas la vira kaj estas do la filo. Tiuj du gejunuloj iom tro frue en la vivo perdis sian patron kaj baldaŭ poste ankaŭ sian patrinon. Ankaŭ tia la vivo povas esti ! La juna filo estis elektristo, sed bedaŭrinde forlasis la vivon sur tiu ĉi planedo multe tro frue, sen edzino kaj sen gefiloj. La unua naskitino trovis edzon kaj vivas ankoraŭ, sed kaj ŝi kaj ŝia edzo estas nun treege malsanaj, eĉ malsanegaj, sed almenaŭ ankoraŭ vivas kaj suferas.

La tria infano de la unue menciitaj gepatroj, la dua filo de ili, ĉar la unua estis ja, se vi bone memoras, se ne, bonvolu relegi la "Aŭstraliaj Esperantistoj" de la pasinta semajno, filino, neniam edziĝis, almenaŭ ne laŭ mia scio. Li fariĝis soldato, sed certe ne ĉar li tion volis, li volis nur ne diskuti kun tiuj, kiuj tre ŝatas perforton ktp. Do li konsentis "servi" sian patrujon kaj reĝon dum 18 monatoj lernante kiel esti kruela al aliaj senkulpaj homoj, kiuj ne parolas lian lingvon kaj naskiĝis kaj loĝis en iu alia lando. Io bona rezultis el tio. Li tute senpage lernis veturigi aŭton, kaj do li ne bezonis pagi pro sennombraj aŭtomobilveturiglecionoj post sia vivado en la herolernejo. Mi ŝata scii kion pensas aliaj homoj, kiuj ne naskiĝis en lia bela lando, certe ili dirus, ke li malservis ilin, ĉu ne???

Sed, ĉar li estis juna kaj belega, li tre similas al sia frato, la unua naskito de sia patrino, li baldaŭ trovis junan belulinon, kun kiu li nun loĝas sur unu el la plej belegaj kaj ĉarmaj insuloj de unu el la plej belegaj landoj en Eŭropo. Sed, male al lia frato, li neniam havis genaskitojn, eĉ ne genaskiĝintojn. Sed malgraŭ tio, li havas ja multajn geamikojn, ĉar li, kiel jam menciite, eĉ tre similas al sia frato, kiu frue en sia vivo fariĝis esperantisto, kaj tial ne povis kompreni, kial la plej multaj homoj tiom forte deziras, eĉ deziregas, mortigi unu la alian. Io tio estas kontraŭ la naturo de la frato, kiu neniam, almenaŭ ne ĝis nun, li estas nun 82-jara, havis la plezuron havi infanojn.

Sed la unua naskito, aŭ, mi preskaŭ forgesis, naskiĝinto, de la unue menciitaj gepatroj, do ne la naskitino, aŭ naskiĝintino, decidis forlasi sian belegan gepatrolandon, ĉar li kompreneble ne volis vidi siajn du filojn en la uniformoj de mortigontoj. Tial li, kun sia tuta familio, forlasis tiun sian gepatrolandon kaj ekloĝis en alia, multe pli grandega lando, sed kun multe pli da pacamikaj homoj, kiuj multe pli bone komprenas lin ol tiuj en la malnova lando. Sed, por diri la veron, nuntempe ankaŭ la tieaj homoj multe pli bone komprenas kaj konsentas kun li, ke paco estas preferinda al milito !



Skribis Bob Felby

Manly Esperanto-Klubo kunvenos ĉisabaton je la 10 atm ĝis la 12tm. Ĉiam bona kunveno. Venu